


BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a, pordo 5
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25, 1-a, 1-a
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

RIMARKO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.



# ENHAVO



**Foto: Turris Babel de Athanasius Kircher**

# SALUTON!

## Ni bezonas geredaktistojn, de Eduardo Alonso

Karaj geamikoj

Verŝajne vi jam rimarkis, ke plej multaj artikoloj en nia revuo estas verkitaj de nur tri homoj. Ni bezonas vian kunlaboron por havi pli grandan variecon.

Ĉi tiu revuo ne nur temas pri Esperanto, sed ĝi estas malfermita al ĉiuj temoj. Realeco aŭ fikcio.

Certe vi havas ion por kundividi kun la aliaj membroj de la grupo. Ĉu vi volus kundividi vian scion pri ia temo, viajn opiniojn, vian laboron, viajn hobiojn, viajn zorgojn, ...?.

Kiel organizi bibliotekon, kion vi kolektas, kiel prepari surprizan feston, eble kuiri receptojn, aŭ kiel prizorgi viajn plej ŝatatajn plantojn. La kvalitoj de bona vino, aŭ recenzo pri la lasta filmo, kiun vi vidis. Hundotrejnado aŭ gotika arkitekturo. Impresionisma pentraĵo aŭ kiel forigi guman makulon. La lasta libro, kiun vi legis, aŭ tio, tiel amuza kio okazis al vi la alian tagon, kiam vi estis kun via bofratino. Ni interesiĝas pri ĉio, kion vi volas diri al ni.

Eble iu diros, ke sia nivelo de Esperanto ne sufiĉas por fari tion. Pensu, ke tio estus bona ekzercado por vi, kaj ne zorgu, ni havas teamon de korektantoj, kiuj detektos kaj korektos eblajn erarojn. La plej malfacila afero estas komenci. Vi nur devas pensi pri unu temo. Se mi sukcesis, vi ankaŭ povas. Kaj ĝis nun mi ricevis neniujn plendojn. Ni atendas viajn skribaĵojn ĉe nia retpoŝta adreso valencialuno3@gmail.com

En nia numero ĉi-monate, ni komencas per artikolo de Dennis Keefe pri Duolingo. Poste ni havas novan fiksan sekcion, Angulo de la Esperantista Ŝak-ludanto, kie ĉiumonate ni havos facilajn ŝakojn problemojn kaj kompreneble iliajn solvojn. Ni ankaŭ havas la trian parton de Kvaranteno, la trian semajnon de enloĝigo. Kaj kiel ĉiam la Protokol-libro de Sesioj, kun nia agado dum la monato junio, kaj estontaj eventoj de Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj.

Afablajn salutojn kaj bonan legadon.

Eduardo Alonso

# DUOLINGO
# La Pozitivaj Partoj de Niaj Esperanto-Kursoj
## de Dennis Keefe, Cullera

Multaj Esperantistoj konas la surretan lingvo-lernejon Duolingo (www.duolingo.com) aŭ pro siaj propraj spertoj studante unu aŭ pliajn el la dekoj da lingvoj elekteblaj, aŭ pro tio, ke ili aŭdis, ke Esperanto estas unu el la lingvo-kursoj de tiu lerno-retejo.  Ekzistas dekoj da lingvoj en Duolingo, kaj unu el ili estas, feliĉe, Esperanto, kiu ekzistas en kvar versioj: la angla (284 mil aktivaj lernantoj), la hispana (231 mil), la portugala (212 mil), kaj de post la 20a de julio, la franca (pli ol mil).  Aldone, nun teamo da Esperantistoj laboras por fari ĉinan version.



Sendube la esperantaj kursoj en Duolingo estas grandaj sukcesoj se oni prikonsideras la nombron da homoj kiuj eklernis Esperanton tiamaniere. Dum la nuntempa nombro da aktivaj gelernantoj estas ĉirkaŭ 730 mil, la kvanto da homoj kiuj ekprovis Esperanton per tia lernado estas eble pli ol tri milionoj. Kelkaj homoj faris nur unu, du aŭ tri lecionojn de la centoj disponeblaj por Esperanto; aliaj, relative malgranda nombro, finis la kurson. Kaj kelkaj nun estas bonaj parolantoj de la lingvo, kiuj eĉ ĉeestas Universalajn Kongresojn.

En ĉi tiu artikolo, mi NE volas paroli pri la limoj kaj difektoj rilate lingvo-lernadon en Duolingo-kursoj (kiuj estas signifaj kaj multnombraj), mi volas paroli pri kelkaj bonaj teknikoj kaj metodetoj, kiuj troveblas en la kursoj. Sciu, ke mi parolos en ĉi tiu skribaĵo pri nur la esperantaj lecionaroj, tamen gravas scii ankaŭ, ke tiuj kursoj tre similas ĉiujn aliajn de Duolingo laŭ strukturo, vorto-elekto, gramatika ŝtuparo, ĉiutagaj frazoj kaj similaj. Pri tia organiza kopiado mi skribos en alia artikolo, ĉar imiti la nacilingvan instruo-enhavon estas unu el la plej gravaj eraroj la sistemo de Duolingo, kaj ni Esperantistoj devas kompreni tiajn erarojn por plibonigi la enhavon venontece. La ioma erara vojo por Esperanto en Duolingo devenas ne de la esperantaj volontuloj kiuj kreis la esperantajn versiojn, sed de la strebo de Duolingo mem, trovi nur UNU metodon por ĉiaj lingvoj.



Sed pri tiuj problemoj mi parolos en alia artikolo. Nun por la resto de ĉi tiu tekso, ni rigardu la pozitivajn trajtojn. Unue, ni povas paroli pri la elparolo de

la ekzercoj. La prononcado estas tre bona. Ĉiu leganto, ĉiu kiu voĉigas la esperantajn frazojn posedas tre bonan prononcado-kapablon. La vokaloj estas puraj, ne diftongaj. Ekzistas klara distingo inter ĝ kaj ĵ, ĉ kaj c, b kaj v (eraro-fonto kelkfoje por hispanaj parolantoj), ĥ kaj h, kaj tiel plu. Krome la parolo-ritmo estas elstare bona. Gelernantoj povas fidi je la elparolado. La voĉigo de frazoj estas tuja, kaj tio estas alia avantaĝo. La lernanto povas prijûĝi tuj se li aŭ ŝi ĝuste scipovas iun sonon.

Tiu tujeco estas alia pozitiva parto ĝenerale de lernado ĉe Duolingo. Vi ne bezonas atendi longan tempon por scii ĉu vi ĝuste aŭ mise tradukis frazon. Vi scios tuj ĉu la traduko de "Te quiero" estas "Mi amas vi" aŭ "Mi amas vin". Rapideco videblas ankaŭ en la sinsekvo de ekzercoj. Fini la unuan, kaj tuj poste venas la dua. Tiamaniere vi memoras ĉiam pri kio traktas la afero.

La lingvaj kursoj de Duolingo povas esti longegaj, sed vi ne bezonas ĝuste memori kie vi estas kiam vi malŝaltas vian komputilon aŭ poŝtelefonon por daŭrigi vian lernadon en la sekvanta tago. Duolingo, kiam vi revenas, ĉu post unu horo, unu tago, aŭ unu jaro, remetos vin ĝuste en tiun parton de la leciono en kiu vi estis.

La esperanta kurso de Duolingo uzas sufiĉe trafajn frazojn en la ekzercoj. Kompreneble, ĉio estas gramatike senerara, sed la frazoj ankaŭ estas logikaj, kaj utilaj, aŭ almenaŭ oni povas imagi situacion en kiu oni povas uzi ilin. *Bonan tagon. Sofia estas en Francio. Mia amiko konas vian patron. Li havas unu katon kaj du brunajn hundojn*, ktp. Tia logika frazo-uzo ne ekzistas en ĉiuj lingvaj kursoj de Duolingo. La latina lecionaro, ekzemple, estas plenplena de eksterrealismaj lingvo-ekzemploj: *Mia papago estas ebria kaj ĝi mordas la kuiriston. Jupitero ĵetas fulmo-stangon, sed Neptuno batas sian kuiriston*, ktp.

Kvankam mankas kohereco inter la frazoj, tio estas, ne ekzistas sufiĉe da teksto-gramatiko (ekzemple: FRAZO 1: Sofia trinkas kafon kaj teon.. FRAZO

2: Mia avo estas en la ĝardeno), la frazoj estas zorge, ŝtupe elektitaj. La vorto-stoko kreskadas pli malpli je la sama ritmo dum la kurso. Ne ekzistas subitaj saltoj aŭ tro longaj stagnaĵoj. La kurso estas bone planita, kaj efike, laŭ sia modelo, konstruita.



Alia bona flanko de la kursoj estas, ke ili ĝis certa grado adaptiĝas al la individua lernanto. Se la prononcado de iu frazo tro rapidas por kompreno, eblas malrapidigi la elparolon. Eblas ankaŭ testi kaj trapasi nivelojn, do la malrapida lernanto povas sekvi unu vojon, kaj la plej lerta aŭ plej sperta lernanto povas elekti alian vojon, antaŭenirante en la kurso pli rapide. Ankaŭ eblas ĝis certa grado elekti la temon studatan en unu momento. Ekzemple, tri temoj estas *manĝaĵoj*, *landoj*, kaj *bestoj*. Ĉiu temo havas ĝis 20 – 25 lecionoj, sed vi ne bezonas fari ĉion en *manĝaĵoj* antaŭ ol antaŭeniri al *landoj*, antaŭ ol iri al *bestoj*. Vi povas elekti laŭ via plaĉo inter tiuj tri, kaj depende de via nivelo de la kurso, eventuale inter pluraj pli da temoj.

Resume, la nuntempaj kvar esperantaj kursoj de Duolingo estas sukceso laŭ historia vidpunkto (neniam tiom da homoj eklernis la lingvon per unu kurso), kaj laŭ merkatika vidpunkto (kiam oni ekprovas ion, ekprovas lingvon, tio en si mem plialtigas la ŝancojn ke la lernantoj daŭre lernos la lingvon). Kaj pedagogie la kurso jes ja havas multajn pozitivajn punktojn: ĝi havas bonajn modelojn de prononcado; la sistemo tuj indikas al vi ĉu vi eraras aŭ ne; Duolingo organizas la lernadon, kaj neniu perdiĝas forgesante kiuj lecionoj estas faritaj kaj kiuj ne; la frazoj estas realecaj kaj zorge, ŝtupe prezentitaj; kaj la kurso ĝis certa grado adaptiĝas al la bezonoj de la individuaj gelernantoj.

Tamen, ekzistas tre grava strategia kaj instruada eraro en la kurso, laŭ mi. Tiu eraro ne devenas de la Esperantistoj (kiuj devas sekvi la strukturon kaj filozofiojn de Duolingo), sed de la nocio, ke ĉiu kurso en Duolingo devas simili unu la alian, kaj ke la eroj de la lecionaroj estas ĉefe aranĝitaj laŭ temoj, tio estas, laŭ semantikaj grupoj, laŭ vortoj (leciono x: pomoj, oranĝoj, ananasoj. Leciono y: domo, banĉambro, salono). Dum tiu aranĝo kongruas kun novaj nocioj pri lingvo-instruado de la lastaj du jardekoj, tio ne kongruas kun la naturo de la lingvo Esperanto. Vortoj jes ja gravegas, sed tro da vorto-ekzercado ne donas la impreson al la nova lernanto, ke Esperanto estas facila, eĉ genia lingvo por internacia komunikado. Ne estas sufiĉe da emfazo pri la RAPIDA akirado de la gramatiko. Ne estas rapida ekvido de la sistemo de afiksoj kaj prefiksoj. Esperanto estas multoble pli facila ol preskaŭ ĉiuj aliaj lingvoj, kaj tia simpleco devas vidiĝi kaj sentiĝi tre frue en la strukturo de la kurso, ĉu en papera ĉu en reta versio. Pri ĉio ĉi mi skribos en posta artikolo.



# ANGULO DE LA ESPERANTISTA ŜAK-LUDANTO

## de Elías Hernández Capdevila

Ĉi-monate, tiel kiel jam aperas en multaj bultenoj pri SUDOKUOJ, KRUC-VORTOJ..., ni komencas ĉiu-monatan tekstaĵon pri kvar facilaj ŝak-matoj, atingitaj per nur unu movo de blanka peco. Tiu ŝak-mato povus esti atingita per iu ajn peco, do, per **damo**, **turo**, **kuriero**, **ĉevalo** aŭ **peono**. Kompreneble, mi montras ankaŭ la solvon ĉe ĉiu ŝak-mato. Bonvolu provi ne rigardi la solvon ĝis post paro da minutetoj ...

Por faciligi al vi tiun taskon, mi ripetas mian antaŭan klarigon, jam publikigitan ĉe la antaŭa eldono de Valencia Luno, pri la ĉefaj menciindaj ideoj pri tiu mirinda sporto-scienco:

La ŝak-tabulo aspektas tiel, kun pecoj (maldekstre) kaj sen ili:







Jen la diversaj pecoj. La pecoj moviĝas kaj samtempe ekkaptas tiel:

- **reĝo**: po unu ĉelo ĉiu-foje, en libervola direkto (vertikale, horizontale aŭ diagonale)

- **turo**: laŭlonge de vicoj kaj kolumnoj (ĉe ŝak-lukto ĉiu kolono nomiĝas kolumno)

- **kuriero**: laŭlonge de la diagonaloj

- **damo**: laŭlonge de vicoj, kolumnoj kaj diagonaloj. Oni povas diri ke tiu peco kapablas agi kiel turo kaj kiel kuriero, samtempe. Sed atentu: la damo ne povas agi kiel la ĉevalo

- **ĉevalo**: per saltoj laŭ la litero L (du ĉeloj rekten kaj unu flanken, aŭ unu ĉelo rekten kaj du flanken). Ĝi povas trapasi kaj siajn proprajn pecojn kaj la pecojn de la alia ludanto

- **peono**: je unu ĉelo antaŭen, se tiu ĉi ĉelo estas vaka aŭ malplena (se la peono estas ankoraŭ en la baza pozicio, ĝi povas transmoviĝi je du ĉeloj antaŭen, se ambaŭ ĉeloj estas vakaj aŭ malplenaj). Plie ĝi povas preni aŭ ekkapti pecon de la alia ludanto, kiu estas sur diagonale najbara ĉelo staranta antaŭ la peono

Reĝo (R)
Damo (D)
Turo (T)
Kuriero (K)
Ĉevalo (Ĉ)
Peono

Kaj jen niaj kvar ĉi-monataj ŝak-matoj (rememoru: oni povas atingi ĉiun ŝak-maton per nur unu movo de blanka peco).

Kvankam vi ne konvinkiĝos, ludi ŝak-ludon, aŭ almenaŭ provi solvi malgrandajn problemetojn, kiel tiujn kiujn mi montras al vi, estas eksterordinara ekzerco por via menso kaj por via kapablo koncentriĝi:

Havu kuraĝon, kaj provu solvi la kvar problemetojn!




***SOLVO***: movu la blankan ĉevalon ĝis *d6*. La nigra peono sur *e7* ne povas ekkapti tiun ĉevalon, ĉar la blanka damo atakus kaj ŝak-matus la reĝon ...




***SOLVO***: movu la blankan kurieron de *f1* ĝis *b5*




**SOLVO**: movu la blankan damon ĝis *f6.* La nigra peono sur *e7* ne povas ekkapti tiun damon, ĉar la blanka kuriero atakus kaj ŝak-matus la reĝon ...




**SOLVO**: movu la blankan turon ĝis *h5.* La nigra peono sur *g6* ne povas ekkapti tiun turon, ĉar la blanka kuriero atakus kaj ŝak-matus la reĝon ...

# LA PASINTECO

## Kiel elparolas kelkaj hispanaj esperantistoj

Eĉ bonaj posedantoj de Esperanto elparolas malkorekte kiam, ĉe komenciĝo de vorto, S estas sekvata de alia konsonanto, kaj tio impresas malbone alilandajn esperantistojn, kiuj, tial, divenas la naciecon de la fuŝanto.

Ekz.: statuo, skribi, stelo, estas prononcataj laŭ tiuj: Estatuo, Eskribi, Estelo; eble ĉar en hispana lingvo, tiuj vortoj estas tiel skribataj kaj prononcataj.

Do, oni ne devas prononci: Esveltaj Esvedoj Estrebas per Estangoj Eskui Estelojn, sed: Sveltaj svedoj strebas per stangoj skui stelojn.

Tiel, svedoj ne venos por skui vin per stangoj, kio estus tre, tre malagrable.

Valencia Luno — Numero 07, Lunradio (1975)



## Universala idiomo elpensita de hispano

Ni, esperantistoj, estas sufiĉe stultaj por strebi lernante Esperanton, kiu, estante centojn da fojoj pli facila ol iu nacia, estas, tamen, deviganta nin studi monaton post monato.

Hispano "ne andaluzo" kreis novan internacian lingvon -eble la tricentan post Esperanto- kiu povas esti finlernita post KVARONHORO!

La nova lingvo nomiĝas "Frendo" kaj la aŭtoro, laŭŝajne estas palenciano (ne valenciano!). Eble, nun, la kamaradoj de la Palencia Esperanto-Rondo jam transiris al Frendo.

Kompreneble! Nur kvaronhoro! Kia fiasko por ni!

Valencia Luno — Numero 07, Lunradio (1975)

# PROTOKOL-LIBRO DE SESIOJ

## Kion ni faris en junio?

Dum la monato junio ni daŭrigis per niaj virtualaj renkontiĝoj pere de Zoom, sed ĉi-foje ili fariĝis internaciaj renkontiĝoj, dank 'al partopreno de esperantistoj el diversaj landoj (Francio, Germanio, Kanado, Irano, Rusio, Domingo, Brazilo, Peruo, Pollando kaj iu alia lando, kiun mi certe forgesas).

De lundo ĝis ĵaŭdo ĉi tiuj kunvenoj estas gvidataj de Elías, kaj en ili ni legas kaj tradukas la libron Karlo, de Edmond Privat. Ni ankaŭ plenumas etan paroladon pri niaj ĉiutagaj aferoj.

Kaj vendrede Dennis respondecas gvidi nin en la virtualaj maratonoj, en kiuj ni unue havas la BEK-Benson-Kurson, poste ni respondas pri baterio de demandoj preparitaj de Dennis. Ĉi tiuj demandoj pri la semajna ĉapitro de Don Kiĥoto de la Manĉo ŝarĝas tiun horeton kun bona humuro kaj humoro.

Memoru ke ankaŭ vi mem povas partopreni ĉi tiujn renkontiĝojn eĉ se, pro iu malhela kialo, vi ne volas montri vian bildon. Kaj se iu ne volas paroli, li povas simple aŭskulti. Ni atendos vin. Ni revenos en oktobro. Bonvenon!

Ligilo ĉe Zoom, ĉiuj estas invititaj:

https://us04web.zoom.us/j/9486417937?pwd=MGNLTGhvSWcvSXlUc2NJYW5CM29ZUT09

ID de renkontiĝo: 948 641 7937

Pasvorto: 686936

Eduardo Alonso



# KVARANTENO – 3

## de Dennis Keefe

Kvaranteno, Tago 15

Ĝuis sunan tagon la tutan matenon kaj posttagmezon. Loĝejo plivarmiĝis je unu grado kaj duono. Bele.

Metis specialan kurtenon inter la dormoĉambro kaj la kortobalkono. Devis fari tion antaŭ longa, longa tempo, sed mi estas pigra. Tio privatigas pli la dormoĉambron, kaj funkcias por bloki la enflugon de moskitoj.




*Imagen de Pete Linforth en Pixabay*

En la kurso pri epidemioj finis la du lecionojn pri Aidoso, kaj la unu lecionon pri polio (poliomjelito).

Aŭskultis libron voĉlegatan en la germana: Momo, de Michael Ende. Jam faris tion en la okdekaj jaroj.

Partoprenis la babilrondon kun Elias, Eduardo kaj Rosa. Morgaŭ estos nova etapo: tiuj kiuj volas povas fari prezentadon de iu temo havas sian ŝancon. Morgaŭ mi serĉos temon. Kiun temon elektos la aliaj?

Kvaranteno, Tago 16

Finis la kurson pri la historio de epidemioj. Entute 26 lecionoj. Skribis 50 paĝojn da notoj. Nun re-studas tiujn notojn por bone lerni kaj ne forgesi la materialon.

Hodiaŭ la temoj estis SARS, la birdo-gripo, kaj la porko-gripo, la lasta parto de la tuta kurso.




Legis pri la historio de hispana literaturo de la 20a jarcento: Unamuno, Valle-Inclán, Baroja, kaj Ayala.

Preparis kaj prezentis la ĝeneralan strukturon de la revuo Monato por nia babilrondo. Eduardo prezentis propran verkaĵon -- tre bonstilan. Krome Pepe kaj Elias ĉeestis, kaj morgaŭ ankaŭ prezentos ion probable interesan.

Ekzercante min, mi supreniris kaj malsupreniris la ŝtuparon, farante 582 ŝtupojn.

Kvaranteno, Tagon 17

Tre bona tago, sed refoje malvarme ene!  Antaŭ la kvaranteno, en vintro, estis malvarme, sed 2-hora promenado ekstere bone varmigas homojn. Tio ne eblas en la nuna situacio.

Komencis rigardi retkurson pri astronomio tute en Esperanto de Profesoro Amri Wandel.  Leciono 10 pri la spektro de koloroj kaj la temperaturo de steloj en la universo. Bonega kurso kaj por lerni sciencon kaj por pliperfektigi lingvonivelon.



*Imagen de Gerd Altmann en Pixabay*

En la babilrondo hodiaŭ, Pepe prezentis esperantan revuon pri Valencio de la jaro 1952. Elias montris al ni interesajn proverbojn.  Mi prezentis la libron Paŝoj al Plena Posedo.  Eduardo ankaŭ partoprenis.

Skribis 5 leterojn al geamikoj kaj familianoj; kronviruso estis subtemo en ĉiuj. Kia epoko!


*Imagen de Gerd Altmann en Pixabay*

Kvaranteno, Tago 18

Preskaŭ rutina tago.  Nenio nova rilate manĝaĵojn krom avenokaĉo por la vespermanĝo.  Enmetis mielon, sekvinberojn, kaj daktilojn.

La surprizo de la tago estis, ke du geamikoj miaj - ne-esperantaj - sendis al mi fotojn de kiam ili vizitis min en Valencio dum 1983. Ĝis ĉi tie nenia surprizo,  sed...

Estis inter tiuj fotoj pli ol unu pri Esperanto-Oazo,  kiun pluraj el niaj veteranoj memoras (Ramon Diago, Toni Madrigal, Johano, Pascal Pont, Maria Pilar, Aŭgusto, Alicia...)

Trarigardis lecionon 2 de la reta kurso de Federico Gobbo: Filozofio kaj Historio de la Informadiko. Tre bona kurso tamen kelkfoje malfacile bone aŭdi ĝin.

Volis prezenti tiun lecionon dum 5 minutoj por la babilrondo hodiaŭ, sed mankis tempo. Eduardo bone prezentis la verkiston Istvan Ertl. Elias montris novajn interesajn proverbojn. Ĉeestis ankaŭ Pepe, Fernando, kaj du aliaj kiujn mi ne povis aŭdi pro teknikaj kialoj.



Kvaranteno, Tago 19

Estas interese observadi la evoluon de la apudplaĝaj kutimoj dum la 19 tagoj de la kvaranteno.

En la unuaj tagoj multaj homoj, tamen ne tiom kiom antaŭe, promenis plaĝe kaj trotuare, babilante.

Venis la policistoj kun fortaj laŭtparoliloj, avertante ĉiujn kiujn ili vidis. For! Hejmen.!

En la sekva semajno la plaĝo tute malpleniĝis je homoj, kaj surtrotuare eblis vidi nur homojn kiuj iom tro senĝene promenigis siajn hundojn, ofte longan tempon.

Nun videblas nur hundo-promenigantoj, sed kiuj ekaperas kaj malaperas kiel eble plej rapide. Mevoj libere revenas sur la plaĝon kaj mokas.

En la babilrondo hodiaŭ, Eduardo faris prezentadon de libroj de Trevor Steele. Elias pri proverboj.  Mi pri la kuirrecepto- rubriko de la revuo Monato de marto 1980, epoko en kiu mi eklernis Esperanton de profesoro Pedro Villaroig en la strato Atocha, 98, en Madrido.

Pepe kaj Rosa ankaŭ partoprenis en nia babilrondo.




*Imagen de Gerd Altmann en Pixabay*

Kvaranteno, Tago 20

Dum 40 jaroj da instruado kvankam mi ofte uzis multe da tempo por prepari lecionojn,  kelkfoje tiu preparado ne donis sufiĉe bonan rezulton.

Anekdoto de hodiaŭ: mi petis de niaj partoprenantoj, ke ili diligente preparu por la Kiĥoto-Kurso hodiaŭ legante bone ĈAPITRON 13 de la libro.  Mi diris tion lastsemajne; mi skribis tion ĉi semajne.  Mi petis: Bonvolu bone legi Ĉapitron 13 de Kiĥoto.  Dek tri.

Tamen eĉ post mia insisto, la kurso ne sukcesis hodiaŭ, ĉar mi mem ne legis ĝin! Ĉi foje mia eraro, pedagogia peko, ne devenis de mia mallaboremo aŭ forgesemo, sed de la simpla fakto, ke anstataŭ legi Ĉapitron 13, mi legis kaj preparis Ĉapitron 14! Dek kvar!

Bonvolu aldoni la oportunajn vizaĝetojn, ĉar mi perdis mian... 😣😂

Kvaranteno, Tago 21

Hodiaŭ mi iris al la supermerkato Consum por la 3a fojo dum la kvaranteno. Mi nuntempe aĉetas por la tuta semajno, kaj tio pezas, do krom mia dorsosako mi kunportas bluan sakon de IKEA.



*Imagen de Viktor Ivanchenko en Pixabay*

Mi iris tien dum la tagmanĝ+o-horo, kaj surprizis min, ke estis pli da aĉetantoj ol lastsemajne. Mi pensas, ke venis novaj homoj provantaj fuĝi de iu loko. Tiun konkludon mi havis, ĉar ili aĉetis multege da higiena papero, kaj kontaŭmikroba likvo-purigiloj.

Nun mi devas atendi unu pluan semajnon.

(daŭros)
Dennis Keefe

# GAZETARA KOMUNIKO DE UEA

## Alvoko al Kunmanĝado tra la Mondo, la 5-an de aŭgusto, merkredon, 16:00-18:00 UTC



Unu el la tradiciaj eroj de la Universalaj Kongresoj estas la bankedo. Estas facile konstati, ke kunmanĝado estas unu el la plej bazaj kaj unuecigaj manieroj kunesti por homoj de ĉiuj kulturoj, de ĉiuj anguloj de la planedo kaj tra ĉiuj historiaj epokoj de la homara evoluo. Sed en la jaro 2020 ni alfrontas la eksterordinaran defion kreitan de pandemio, kiu aparte limigas la eblecon kunesti kaj kunmanĝi. La organizantoj de tiuj ĉi eventoj decidis trovi kreeman manieron festi nian homecon kaj festeni en la Virtuala Kongreso de Esperanto (VK): vk.mondafest.net/. UEA invitas vin ĉiujn partopreni la aranĝon "Kunmanĝado tra la Mondo", okazonta la 5-an de aŭgusto, merkredon, 16:00-18:00 UTC.

Dum tiu ĉi tempo la partoprenontoj montros al la cetera mondo kiel ili festas per manĝado de luksaj pladoj en hejma etoso kaj kiel la manĝaĵoj estis preparitaj (espereble diskonigante la receptojn). Kompreneble pro la diferenco en la loka horo por ĉiuj partoprenantoj tiu hejma kunfestado povos esti de frua matenmanĝo ĝis plej malfrua vespermanĝo, kio ne estas malhelpo, sed donos pli da vario al la tuta aranĝo.

La organizantoj de la programero petas proponojn por partopreno en la aranĝo. La apartaj eroj daŭros averaĝe 5 minutojn. Ili nepre havu viv-elsendotan parton, kie homoj solaj aŭ en familia rondo gustumas la montritan pladon, kiun ili priskribos, kaj ĝi povas havi parton antaŭregistritan kiu montros la pretigadon de la manĝaĵoj.

Limdato por sendado de proponoj estas la **25-a de julio** 2020. La organizantoj kontaktos la proponintojn tuj post tiu dato por finaranĝi la detalojn. Bonvolu sendi senprokrakste viajn proponojn al vkk@esperanto.org.

Bonan apetiton!

# LA ESTONTECO

## Kiam, kie, kio okazos?




Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj

http://www.eventoj.hu/

Kiam, kie, kio okazos? La Internacia Kalendaro listigas ĉiujn publikajn kaj konatajn Esperanto-aranĝojn, renkontiĝojn, festivalojn kaj kongresojn, kiuj bonvenigas viziton de vojaĝemaj esperantistoj.




23 - 26. julio

Ne okazos! - ~~Fieru! - La GLATa Esperanto-Renkontiĝo~~ - en la Esperanto-Stacio en Halbe ĉe Berlino, Germanio. Bonvenas la tuta GLATa-komunumo - gejoj, lesboj, ambaŭseksemuloj, transgenruloj, kaj krome ĉiuj aliaj kiuj emas! La aranĝo okazos dum la GLATa semajno de Berlino. La klimakso de nia renkontiĝo estos la grandega parado de Berlin CSD Pride, kiu okazos la 25-an de julio 2020. Ni oficiale partoprenos kaj marŝos kun Esperanto-flagoj. Dum FIERU! okazos ankaŭ prelegoj pri GLATaj temoj, naĝado en nia apuda lago kaj ekskursoj al Berlino. Atentu! Estas necese antaŭaliĝi ĉe: Esperanto-Stacio. - retadreso: esperantostacio@gmail.com

23. julio - 2. aŭgusto



PollandRok - Pol'and'Rock - en Kostrzyn nad Odrą, Pollando, je 5 km de la german-pola landlimo, je 95 km de Berlin. Renkontiĝo por memzorgantoj ene de la granda rokmuzikfestivalo Pol'and'Rock, kiu antaŭe nomiĝis Przystanek Woodstock (500.000 homoj). Inf.: Andi Münchow, rete: andim(ĉe)gmx(punkto)li, pli bone per Telegramo: t(punkto)me/Andi_E



23. julio - 2. aŭgusto

Renkontiĝo de Esperanto-Familioj!

Ne okazos! - ~~Renkontiĝo de Esperantistaj Familioj~~ - en Ispánk, Hungario. - Prokrastita al 2021

24. julio - 3. aŭgusto

Milan Zvara - en Karpata montaro, Ukrainio. Esperanto-piedmarŝo de la vilaĝo Dovhe, kie naskiĝis fama slovaka esperantisto Milan Zvara en Zakarpata provinco, al la plej alta monto de Ukrainio, Hoverla. Organizas: Volodimir Hordijenko, p/k 35, Kiev-133, UA-01133, Ukrainio. - retadreso: volodomir@ukr.net

25 - 31. julio




53-a ILEI-Kongreso (Virtuala) - en reta platformo. Organizas: Internacia Ligo de Esperantaj Instruistoj, ILEI, cp 9, 2416 Les Brenets - retadreso: mirejo.mireille@gmail.com




25. julio - 1. aŭgusto

93-a kongreso de SAT - ~~en Bjalistoko, Pollando~~. (interreta)

Ĉi-tiu estos la unua SAT-Kongreso en Pollando post la aborta provo de 1987. La organiza kongres-komitato konsistos el anoj de bjalistoka esperanto-societo. Bildoj pri la prezento farita de Pŝemek Wierzbowksi dum la 92-a SAT-Kongreso en Barcelono estas videblaj en la fejsbuka paĝo de SAT. Organizas: Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), 67 av. Gambetta, FR - 75020 Paris, Francio. - Retadreso: sat@espero.bialystok.pl

27 - 31. julio

Festivalo NATURIST'



1-a Verda Naturisma Semajno, kun Esperanto-kurso - en Baugé-en-Anjou, Francio. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org




27. julio - 9. aŭgusto

Somera esperantumado - en Niĵnij Tagil, Rusio. Mi invitas esperantistojn viziti mian hejman urbon kaj la privatan domon, kie en la gastema atmosfero vi povas ripozi kaj praktiki Esperanton. Estos ankaŭ ekskursoj kaj promenadoj en la parkoj de la urbo kaj ekster urbo. Pri vizoj mi ne respondecas. Organizas: Larisa Kuzmenko, str.Kushvinskaja 25A, N.Tagil-622013, Rusio. - retadreso: klarisa8@yandex.ru

31. julio - 1. aŭgusto

Esperanto-Kurso - en Montrealo, Kanado. Intensa Esperanto-preparkurso por la Universala Kongreso de Esperanto. Katalin kaj Sylvain invitas vin al unika lerno-sperto : Parolu Esperanton en du tagoj! Organizas: Esperantic Studies Foundation. - retadreso: admin@esperantic.org

---

1 - 8. aŭgusto

Ne okazos! - ~~105-a Universala Kongreso de Esperanto~~ - en Montrealo, Kanado. **Prokrastita al 2022.** - La kongreso okazos en la hotelo Sheraton, en la urbocentro. Temo: "UN 75-jaraĝa: dialogo kaj interkompreniĝo en ŝanĝiĝanta mondo". - Organizas: Universala Esperanto Asocio. - retadreso: kongresoj@co.uea.org - Pliaj informoj ĉe https://www.esperanto2020.ca




1 - 8. aŭgusto

Ne okazos! - ~~49a Internacia Infana-adoleskanta Kongreseto~~ - en Montrealo, Kanado. Infanoj kaj adoleskantoj kune lernas kaj ludas, dum iliaj gepatroj ĉeestas UK-on. Organizas: IIK-skipo.

- retadreso: infana.kongreseto@gmail.com

2 - 9. aŭgusto

Ne okazos! - ~~Tendumado 2020~~ - en Greziljono, Baugé-en-Anjou, Francio. La Verdaj Skoltoj tendumas, skoltumas, lignokonstruas apud la kastelo de Greziljono. Organizas: La Verdaj Skoltoj. - retadreso: info@verdajskoltoj.net



3 - 14. aŭgusto

4-a Maratona Esperanto-kurso kaj IEK - en Baugé-en-Anjou, Francio. Universitatnivela kurso kun Ilona Koutny, paroliga kurso kun Jean-Luc Kristos. Konferencoj pri " Naturo, Medio, Klimato " Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

8 - 15. aŭgusto

Ne okazos! - ~~Kristana Kongreso (kadre de 70-a KELI-kongreso)~~ - en Legnica, Pollando. **Ĝi okazos en la tagoj 7-14-a de aŭgusto 2021**. Ni invitas ĉiujn esperantistojn, kiuj volas aktive pasigi tempon en religia, kristana etoso en bela, malnova urbo de Malsupra Silezio - proksimas la flughaveno en Vroclavo. En la programo: komunaj preĝoj kaj diservoj, komuna kantado, muzikvesperoj kaj koncertoj, ekskursoj por ekkoni interesan regionon. Organizas: Teresa Pomorska, ul. Świstackiego 9/21, 50-430 Wrocław. - retadreso: pomer@wp.pl

8 - 15. aŭgusto

Somera Arbara Lernejo (SALO-15) - en Sieber, Germanio. Somera Arbara Lernejo (SALO) por ĝemelurbaj gejunuloj el Herzberg kaj Góra (PL). Organizas: Interkultura Centro Herzberg (ICH) - retadreso: esperanto-zentrum@web.de

2-semajna vojaĝado en Kartvelio



8 - 23. aŭgusto

Dusemajna vojaĝo en Kartvelio - Vojaĝo por konigi la lando al geesperantistoj. La programo inkluzivas : la ĉefurbo Tbiliso, la Norda kaj Suda Kaŭkazio, trogloditaj urboj, monaĥejoj, nacia parko, kanjono, grotoj, la Nigra Maro, ktp. Organizas: Tea Turmanidze-Fabre, Appartement E02, 26 rue de Montholon, FR-01000 Bourg-en-Bresse, Francio - retadreso: fabrejis@gmail.com



10 - 14. aŭgusto

32-a Internacia E-Konferenco IEK post OSIEK - en Greziljono, Baugé-en-Anjou, Francio. La Organiza Societo de Intenaciaj Esperanto-Konferencoj (OSIEK) okazigis Intenaciajn Esperanto-Konferencojn (IEK) ĝis 2019. En 2020, Greziljono daŭrigas tiun tradicion okazigante la 32-an IEK kun la temo "Naturo, Medio, Klimato, Scienco, Arto ". La partoprenantoj mem prelegos pri tiuj kaj similaj temoj. Organizas: Kulturdomo de Esperanto - Kastelo Greziljono, St. Martin d'Arcé, 49150 BAUGÉ-EN-ANJOU, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

10 - 17. aŭgusto

Ne okazos! - ~~FESTO~~ - en Gresilljon, Francio. Ni ofertas al vi la plej festeman terure organizitan renkontiĝon kun plej grandaj amuziĝeblecoj. Ĉiun vesperon okazos koncertoj kaj en Esperanto kaj en aliaj lingvoj. La trinkejo estos malferma ĝis la nokto-nokto-fin'. Ĉiun tagon vi havos eblon por mem muziki en grupoj aŭ sola, ludi, migri, bicikli aŭ simple ĝui la vivon. Specialaj rabatoj por frua aliĝo, familioj, junuloj, Verdaj Skoltoj kaj helpantoj haveblas. Por helpantoj ni ebligas specialan anĝelan sistemon. Organizas: La Verdaj Skoltoj, Christine Brücker, Realschulstraße 12, 47051 Duisburg, Germanio. - retadreso: guyofchrisburn@gmail.com




15 - 21. aŭgusto

22-a internacia renkontiĝo de Esperanto - **prokrastita al 2021** - en Pluezek, Francio. Ĉiutaga programo: - Lernado aŭ trejnado pri Esperanto: kursoj okazos matene de la 9-a ĝis la 12-a. - Turismado kaj marbanado: de la 14-a ĝis la 17:30, eblos malkovri la regionon aŭ sole aŭ akompanate de ĉiĉeronoj. - Kromkursoj: de 17:30 ĝis 18:45, gviditaj de instruistoj aŭ de bonvolemaj partoprenantoj. - Vesperaranĝoj: prelegoj, dansoj, amuzsesioj plezurigos vin de 20:30. En 2020, partoprenos Katalin Kováts, nia honora gasto! Bonvenon al ĉiuj, ni plezure atendas vin! Organizas: Esperanta Asocio de Pluezec. - retadreso: pluezek@armor-esperanto.fr

17 - 23. aŭgusto




Kaoso-Navigantoj - en Halbe ĉe Berlino, Germanio. Kaoso-Navigantoj estas novspeca trejnado por gvidantoj kaj gvidontoj de la Esperanto-movado. Ni esploros la rapidajn ŝanĝojn en la mondo rilate al teknologio, socio, ekonomio kaj homaj deziroj. Ni serĉos lokon por Esperanto kaj la Esperanto-movado en tiu mondo de la estonto. Ni invitos fakulojn kaj vizitos instituciojn kiuj helpos al ni kompreni kia estos la mondo de morgaŭ. Dum la seminario estos ekskursoj al Berlino kaj al la regiono de la soraba malpliplimulto, ni vizitos aliajn movadojn kaj organizojn kaj ni lernos pri iliaj strategioj. La formato de la estonteca agado estas libera, ĉu reta, organiza, akademia, entreprena, arta aŭ io alia. Oni ne bezonas specifajn sciojn por partopreni en la seminario. Organizas: Esperanto-Stacio. - retadreso: esperantostacio@gmail.com

17 - 27. aŭgusto

10-a Festa Semajno por infanoj kaj familioj - en Baugé-en-Anjou, Francio. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org




22 - 24. aŭgusto

Oresto Kuzma-tagoj, OKT - en Mukaĉevo, Ukrainio. Ni elkore invitas vin partopreni la ĉi-jaran esperantistan renkontiĝon, kiu okazos en la fino de aŭgusto en Ukrainio kaj Hungario: Mukaĉevo (dum sabato kaj lundo) kaj Debrecen (dimanĉe). Organizas: Andreo Jankovskij. - retadreso: andreoespero@gmail.com, tel: +38 (067) 994 70 03

22 - 29. aŭgusto

Esperantista restado 2020 - en Métabief, Francio. Restado kun aŭ sen kursoj de Esperanto Loka Métabief situas en franca Juraso, svisa limo. Se vi elektos kursojn, ni proponos 3 aŭ 4 nivelojn. Krome, vi povos viziti la regionon, promeni... Okazos ankaŭ koncertoj, prelegoj, ludoj... Organizas: Anne-Marie Ferrier, 20 rue de la Chesnaie 71530 Fragnes La Loyere, Francio por la klubo "Esperanto en Chalonnais" Francio. - retadreso: annemarieferrier@orange.fr

28 - 31. aŭgusto



5-a ABELO - Apud Berlina Esperanta LudadO - en Berlin, Germanio. Semajnfina renkontiĝo apud Berlino por ludemuloj. Kune memzorga kun ludado ene kaj ekstere, promenado, naĝado, kafoklaĉado, muzikumado, manlaboro, loĝado en simpla naturamika domo. Organizas: Jessica Grasso. - retadreso: abeloabeloabelo@gmail.com

28 - 31. aŭgusto

Mini-poliglota kunveno - en Kraainem, Belgio. Betka Dorrerova invitas poliglotojn ĉe si hejme en Kraainem, apud Bruselo. Amikeca kunveno por 60 poliglotoj maksimume. Ne okazos prelegoj, sed nur malgrandaj laborgrupoj, volontuloj kun ideoj bonvenas! Tempo por esti kune, dividi manĝaĵojn, viziti Bruselon, bonvenas helpo kaj manĝaĵoj de bruselaj poliglotoj! Esperantisto Yves Nevelsteen ĉeestos kaj klarigos la bazon de Esperanto al interesitoj. Vegetara/vegana! Organizas: Betka Dorrerova. - retadreso: lissiedoe@yahoo.de

fonto: http://www.eventoj.hu